| titolo | Esperanto en Azio N-ro 56 |
|---|---|

# Esperanto en Azio

(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)

N-ro 56 Bulteno de KAEM Majo 2007

## Azio Multkongrese Ardas

Azio ardas. Kongresoj de IJK, UK kaj ILEI alproksimiĝas. Jam al la IJK en Vjetnamio aliĝis 136 homoj kaj al la UK en Japanio 1662 (ĝis la 11a de majo). Ankaŭ al ILEI-konferenco oni antaŭvidas multajn aliĝontojn.

En Hanojo 400 gejunuloj registriĝis al la Esperanto-kursoj en la universitato, kie okazos la IJK. En Shenjang, en nordorienta Ĉinio, rekordaj 600 gestudentoj kolektiĝis al la kurso. Estas mirinde, ke en malgranda lando Nepalo oni sukcesis okazigi Internacian Himalajan Renkontiĝon jam 7 fojojn seninterrompe.

En la venonta februaro 2008 atendas nin la 5a Azia Kongreso, okazonta en "Ĝardena Urbo", Bangaloro de Barato. Inter tiuj grandaj eventoj okazados tiel multaj kongresoj, renkontiĝoj, kursoj ktp. en diversaj landoj, ke ni ne povas kolekti ĉiujn raportojn en tiu ĉi malgranda revuo, tamen vi sentu la novajn ventojn blovantaj en la tuta Azio.        (Redaktoro: Hori Yasuo)

## La 63a Internacia Junulara Kongreso

## en Hanojo, Vjetnamio

**Periodo: la 27a de julio – la 3a de aŭgusto 2007**

**Loko: Hanojo, Vjetnamio**

**Kongresa temo: Paco, Kunlaboro kaj Disvolviĝo**

Ĝis nun 136 homoj el 28 landoj aliĝis al la IJK:

Pakistano 2, Serbio 1, Nederlando 3, Koreio 2, Jugoslavio 1, Hispanio 1, Vjetnamio 70, Ĉinio 3, Francio 11, Belgio 2, Bosnio-Hercegovino 1, Japanio 2, Aŭstralio 8, Rusio 4, Pollando 3, Danio 2, Germanio 6, Brazilo 1, Islando 2, Kongo 1, Italio 3, Togolando 1, Kroatio 2, Litovio 2, Britio 1, Svedio 1, Usono 1, Irano 1.

**Ĉefaj programeroj:**

7/27  Akcepto ĉe Hanoja Fremdlingva Universitato.

Internacia Interkonatiĝo.

7/28  Malferma Ceremonio, Kunsido pri Kongresa Ĉeftemo.

7/29  Duontaga Ekskurso, Arta Programo.

7/30  Esperanto-Tago: Kunsido pri Kongresa Temo, Duontaga Ekskurso, Festo de Internacia Lingvo, Nokta Balo.

7/31  Tuttaga Ekskurso.
8/1   La Vjetnama Tago, Duontaga Ekskurso, TEJO-Vespero.

8/2   Tago de Azia Esperanto, Ferma Soleno, Internacia Vespero.

8/3   Adiaŭo.

Por sukcesigi la 63an IJK, Vjetnama Esperanto-Asocio kaj Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) diverse klopodas, kaj pri la fruktoj, kiujn ili jam akiris, vi povos legi en la artikoloj en la paĝoj 7-8. Pli da informo: Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO <www.tejo.org>)

Hay Li Lai Thi  <zamenhofvn{{@}}yahoo.com>

## La 92a Universala Kongreso
## de Esperanto en Jokohamo, Japanio

**Periodo: la 4a – la 11a de aŭgusto 2007**

**Loko: Jokohamo, Japanio**

**Kongresa temo: "Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto"**

Japana Esperanto-Instituto invitas la 92an UK al Jokohamo, bela havenurbo, kiu situas najbare de Tokio, memore al la 100-jariĝo de la japana Esperanto-movado.

Vizitu TTT-ejon de LKK http://www.jei.or.jp/UK92/ TTT-ejon de UEA http://www.uea.org/

Ĝis la 11a de majo 1662 homoj el 57 landoj aliĝis al la kongreso. Jen estas aliĝintoj el aziaj landoj:

Barato 4, Ĉinio 44 (inkluzive de 2 el Honkongo), Filipinoj 1, Irano 15, Japanio 885, Koreio 81, Mongolio 2, Nepalo 4, Nov-Kaledonio 3, Pakistano 2, Singapuro 2, Taĝikio 1, Uzbekio 1, Vjetnamio 10.

Por ke la UK estu pli azieca, Japana Esperanto-Instituto decidis inviti aziajn aktivulojn. Nun 21 homoj atendas la japanan vizon:

Barato 1, Ĉinio 5, Filipinoj 1, Indonezio 1, Irano 2, Mongolio 1,

Nepalo 4, Pakistano 1, Taĝikio 1, kaj Vjetnamio 4.

Aliaj rilatantaj eventoj;

*Infana Kongreseto: en Esperanto-Domo de Yatugatake en gubernio Yamanaŝi (la 4a-11a de aŭgusto) Interesitoj bv. kontakti s-ron Bert Schumann <bert.schumann{{@}}free.fr>

*La 5a Nitobe-simpozio: en Sophia Universitato en Tokio (la 2a-3a de aŭgusto) Interesitoj kontaktu s-ron KIMURA Goro Christoph <g-kimura{@}hoffman.cc.sophia.ac.jp>

## La 40-a Konferenco de Internacia Ligo
## de Esperantistaj Instruistoj

**Periodo: la 11a ĝis la 19a de aŭgusto**

**Loko: Ranzan, gubernio Saitama, Japanio**

**Temo: Virinoj en Esperanto-Kulturo**

ILEI estas la ĉefa renkonto-punkto por instruistoj kaj edukistoj. ILEI havas sekciojn en pli ol 30 landoj kaj membrojn en pli ol 45, sed en Azio sekcioj troviĝas nur en Ĉinio, Irano, Japanio kaj Koreio. Konferenco estas bona ŝanco scii pli pri agadoj de ILEI, do ni bonvenigos vian partoprenon!

**Tagordo de la konferenco:**

8/11 Veturo de la UK-kongresejo al la ILEI-konferencejo per buso,

Interkona vespero

8/12 Inaŭguro, Simpozio, Nacia vespero

s-ino Spomenka Stimec “Virino en Esperanto-literaturo”

s-ro Kaba Toyohiko “Verda Majo kaj la japana socio”

8/13 Seminario, Lingva festivalo

8/14 Seminario, Bankedo

8/15 Unutaga ekskurso al Nikko

8/16 Duontaga ekskurso al urbo Kawagoe,

Kulturaj kunsidoj pri*origami* (paperarto), floraranĝo ktp.

8/17 Duontaga ekskurso al urbo Ranzan,

Kulturaj kunsidoj pri te-ceremonio, *furoŝiki*-tuko ktp.

8/18 Duontaga ekskurso al urbo Ogawa,

Kulturaj kunsidoj pri kimono (japana tradicia vestaĵo), Internacia Vespero

**Informoj pri la konferenco de ILEI:** www.ilei.info

Tieko ISIKAWA: isksanjo{@}ff.e-mansion.com.

## La 5a Azia Kongreso de Esperanto

**Periodo: la 11a - la 15a de februaro 2008**

**Loko: Bangaloro, Barato (suda Barato)**

**Temo: Esperanto en multlingva Azio**

Barato lokiĝis en la Esperanto-mapo jam de la Zamenhofaj tagoj. Dum la pasintaj tri jardekoj la lando pliverdiĝis, tamen eksterlandaj esperantistoj havis malmultajn ŝancojn viziti Baraton, kvankam Barato estas plena de turismaj vidindaĵoj. Profitante tiun ĉi okazon, ni esperas, ke multaj esperantistoj ne nur el Azio sed ankaŭ el la tuta mondo vizitu Baraton, kaj kontribuu al la pliverdigo de la lando.

LKK decidis la kotizojn jene (eŭroj):

| | A | B | C | |
|---|---|---|---|---|
| Normala kotizo | 150 | 100 | 50 | (ĝis 8/11 2007) |
| | 160 | 110 | 60 | (ĝis 9/30 2007) |
| | 170 | 120 | 70 | (ekde 10/1 2007) |
| Junulo/kunulo/handikapulo | | | | |
| | 120 | 80 | 40 | (ĝis 6/30 2007) |
| | 130 | 90 | 50 | (ĝis 9/30 2007) |
| | 140 | 100 | 60 | (ekde 10/1 2007) |

*A: Aŭstralio, okcidenteŭropaj landoj, Honkongo, Japanio, Koreio

B: Ĉinio, Malajzio, orienteŭropaj landoj, Tajlando, Tajvano, Vjetnamio   C: ceteraj landoj

Junuloj: naskiĝintoj inter 1979-01-01 kaj 2002-12-31

* En tiu kotizo estas inkluzivitaj bankedo kaj ĉiuj tagmanĝoj dum la kongreso.

*La unua bulteno kaj la aliĝilo de AK 2008: http://geocities.com/bharato/eventoj/ak2008/ak2008.htm

*Kontaktu: s-ron A Giridhar RAO, ĝenerala sekretario de Federacio Esperanto de Barato, 703 Alpine Heights, 6-3-1085/1 Raj Bhavan Road, Somajiguda, Hyderabad, 500082, Barato (Hinda Unio) <agiridhar.rao{@}gmail.com>  <agrao99{@}yahoo.com>

## Sendu vian eseon temantan pri
## "Esperanto kaj Mi"

La venonta 94a Japana Esperanto-Kongreso okazos en gubernio Gunma, 150 kilometrojn norde de Tokio, de la 26a ĝis la 28a de oktobro 2007. La kongresa temo estas "Kion aziaj esperantistoj atendas de Japanio? Kian rolon japanaj esperantistoj ludu en Azio?" Kiel la kongresan memoraĵon LKK planas eldoni esearon titolitan "Esperanto kaj mi", kolektinte almenaŭ 100 ese(et)ojn el la tuta Azio. Mi petas, ke la legantoj de tiu ĉi bulteno verku eĉ mallongan eseon pri sia renkontiĝo kun Esperanto.

1. Longeco de la eseo: de 1 linio ĝis 1 paĝo (2000 literoj)

2. Temo: "Esperanto kaj mi" (Kiel kaj kiam mi renkontis Esperanton? Kiamaniere mi lernis/as ĝin? Kial mi estas esperantisto? Kion mi volas fari per kaj por ĝi? ktp.)

3. Aldonu vian karieron: nomo, sekso, aĝo, adreso, retadreso, profesio

4. Honorario: LKK sendos ekzempleron al la verkinto.

5. Sendu vian eseon ĝis la fino de julio al:

HORI Yasuo 10-27 Simosinden, Maebasi, Gunma, Japanio 371-0822  hori-zonto{@}water.sannet.ne.jp

## Librodonaco el Japanio

Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG) en Osako, Japanio, donacos librojn al tiuj kluboj, kiuj ne povas pagi sed deziras riĉigi sian bibliotekon per eldonaĵoj el Japanio. Ni kolektas monon inter niaj membroj por kovri la sendokostojn. Petu liston de la donaceblaj libroj de ni, kaj aldonu, kiamaniere vi utiligos la ricevotajn librojn.

Nia adreso: KLEG, Sonehigasi 1-11-46-204, Toyonaka-si, Osaka, Japanio JP-561-0802; rete <kleg{@}mvf.biglobe.ne.jp>

Mine Yositaka (s-ro)

**Vjetnamio**

## 400 Studentoj al Kurso de Esperanto

La 13an de januaro 2007, malfermiĝis Esperanto-kurso por komencantoj en la Fremdlingva Universitato – Hanoja Ŝtata Universitato, kie okazos fine de junio 2007 la Internacia Junulara Kongreso de Esperanto (IJK63). 400 gestudentoj registriĝis, superinte nian atenditan nombron de 150. Oni instruas laŭ la Zagreb-metodo. La instruistoj estas: Nguyen Thi Ngoc Lan, Luong Ngoc Bao, Lai Thi Hai Ly, Nguyen Van Ha, Thieu Quang Dieu kaj Nguyen Xuan Thu. La kursoj daŭros 3 monatojn. Poste ni organizos ekzamenon, kaj la 10 plej bonaj studentoj estos rekompensitaj per senpaga aliĝo al IJK-63. La aliaj povos agadi kiel volontuloj-helpantoj de la Kongreso. Ĉiaokaze, tio estas nova vento en nia movado kaj varbado de novaj fortoj.

La kurso estas organizita kiel rezulto de kooperado inter Vjetnama Esperanto-Asocio kaj la loka Universitata Junulara Organizo. Menciindas, ke la direktoro de tiu universitato estas profesoro Nguyen Van Loi, samtempe prezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio.

## La Printempa Renkontiĝo 2007

Organizo de ses sinsekvaj printempaj renkontiĝoj indas esti konsiderata kiel tradicio. De la jaro 2002 Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) regule organizas renkontiĝon en sia sidejo inter ĉiuj esperantistoj loĝantaj en Hanojo.

Ĉi-jare, la renkontiĝo okazas, ne en la sidejo, sed en Hanoja Fremdlingva Universitato – Ŝtata Universitato, loko de la venonta Internacia Junulara Kongreso de Esperanto. Ĝi estas titolita "Renkontiĝo inter studentoj de Fremdlingva Universitato kun vjetnamaj esperantistoj", organizita dank' al la kunlaboro de VEA, VEJO, la Universitata Unio de studentoj, la Unio de Junuloj. Ĉirkaŭ 200 homoj partoprenis, kaj la plejparto el ili estas junuloj.

Post kantado de la nacia himno kaj de la esperanta himno "La Espero" komenciĝis la kunveno. Menciindas la ĉeesto de s-ro Vu Xuan Hong, membro de Nacia Asembleo, Prezidanto de Unio de Amikecaj Organizoj. S-ro Hong memorigis la rolon de Esperanto en Vjetnamio dum la milito, kaj nuntempe en la integriĝo de Vjetnamio en la monda komunumo. Li altetaksis la novjaran mesaĝon de s-ro Renato Corsetti, la UEA-prezidanto, kiu diris, ke tra la sinsekvaj etapoj de historio, Esperanto ĉiam favoris komprenon inter la popoloj. Fakte, por ni vjetnamoj, Esperanto ludas la rolon de ponto por interkompreniĝo, kaj efika ilo por popola diplomatio. S-ro Hong emfazis, ke la okazigo de IJK en Vjetnamio estas granda honoro por la tuta lando, kaj tio ne estas la zorgo nur de vjetnamaj esperantistoj, de junuloj, sed de la tuta lando. Li promesis alporti al IJK tutan subtenon de la ŝtato.

S-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA kaj samtempe Rektoro de la Fremdlingva Universitato, promesis, ke la Universtato kreos favorajn kondiĉojn por la okazigo de IJK kaj alvokos la studentojn lerni Esperanton.

S-ro Van Toan, prezidanto de la Studenta Organizo, kuraĝigis la studentojn lerni Esperanton por bone servi IJK-n. Estas decidite malfermi novan kurson de Esperanto por tiuj, kiuj ankoraŭ ne registriĝis, kaj por tiuj, kiuj pro ajna kialo ne regule partoprenis en la nunaj klasoj. Alia grava decido estas la onta kreado de Esperanto-klubo ene de la Universitato por organizi regulajn kursojn de Esperanto, paroligi, korespondi, kanti.

Kantoj, ludoj kaj loterio varmigis la etoson de la renkontiĝo.

Nguyen Thu, autuno32{@}yahoo.com  Ĝenerala sekretario de Vjetnama Esperanto-Asocio

**Ĉinio**

## Esperanto kaj helpa instruado de fremdaj lingvoj

La 31-an de decembro 2006 la Pekina Esperanto-Asocio okazigis subforumon kun la temo "Esperanto kaj helpa instruado de fremdaj lingvoj", kiel branĉo de la akademia landlima forumo organizita kune de la Pekina Federacio de la Rondoj de Sociaj Sciencoj kaj Pekina Normala Univerversitato.

Kelkaj erudiciuloj donis siajn prelegojn.

S-ro Li Shijun, membro de la Akademio de Esperanto, prelegis kun la titolo "Esperanto kaj edukado de fremdaj lingvoj en Ĉinio", montrante ke la edukado de fremdaj lingvoj en Ĉinio estas multekosta kaj malalteefika, sed programoj instrui Esperanton unue kaj aliajn lingvojn poste, precipe eŭropajn lingvojn, ricevos duoblan rezulton per duona peno.

Profesoro Liu Haitao de la Ĉina Komunika Universitato diris ke la unika planlingvo, kiu povas esti nomita kiel "lingvo", Esperanto helpas al lernado de fremdaj lingvoj, eĉ de patrina lingvo. Esperanto ne nur helpas al konstruado de harmonia nova internacia lingva ordo, sed ankaŭ la evoluado de homaro en la reta erao.

Li Weilun, profesoro de Pekina Lingva Universitato, prezentis sian sperton en instruado de Esperanto en trans-universitata kurso de Esperanto. Li emfazis, ke Esperanto estas la plej bona selekto de iniciata lingvo en instruado de fremdaj lingvoj por ĉinaj infanoj.

S-ro Zheng Bocheng, ĝenerala sekretario de PEA, raportis la disertaĵon "Esploro de la instigado de Esperanto". Li diris, ke la kaŭzo de la sukceso de Esperanto estas, unue, la bezono de la socio (ekstera instigado), kaj la neŭtraleco, laŭplana lingva strukturo, kaj selektado de vortoradikoj el la lingvoj de la latinida grupo, kiuj estas uzataj la plej vaste (interna instigado). Kompreni la originon, vortofaradon, kaj gramatikon de Esperanto estas helpe al ĝia lernado.

F-ino Wang Ŝanŝan, redaktorino kaj ĵurnalistino de la Ĉina Radio Intrernacia, prezentis ŝian sperton en instruado en Esperanto-kurso por antaŭlernoaĝaj infanoj baze de la metodo de Montessori.

Zheng Bocheng <bochengzheng{@}yahoo.com.cn>

## Rekordo en Shenyang-Universitato

La la jaro 2007 estas La Esperanto-instrua jaro de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA). Shenyang- Universitato aktive reagis al tiu ĉi iniciato. La 1-an de marto, 2007, la unua tago de la nova semestro, 600 studentoj eniris en kvar Esperanto-kursojn funkciigitajn de la universitato kaj ĝis nun neniu forlasis tiun ĉi nedevigan studobjekton. Tiu nombro estas la plej granda en la nunaj universitatoj, kiuj enkondukas Esperanton en la provinco kaj vere estas nova rekordo. La studentoj akiros 2 studpoentojn, se ili sukcese trapasos ekzamenon. La adoptita lernolibro estas "Esperanto-Kurso de La Nova Jarcento" kompilita de prof. Liu Zhengkun kaj prof. Song Yunsheng.

Gratulante Shenyang-Universitaton ni sentas nin tre ĝojaj kaj trankvilaj, jam floras la unua Esperanto-kurso de la fremdlandaj lingvaj instruistoj de Liaoning-provincaj altlernejoj, ĉar profesorino Wang Wenyu kaj docento Pan Chengbo, instruistoj de la kvar kursoj, ja estas diplomitoj de la kurso. Oni tre dankas s-ron Zhang Zhiming, profesoron de la universitato kaj vic-prezidantojn de Liaoning-provinca Instrua Instituto de Fremdlandaj Lingvoj por Altlernejo kaj LEA pro ilia tuta penado. Ankaŭ pasintjare li faris specialan 30-minutan paroladon pri Esperanto-instruado en la labora konferenco pri la provinca instruado de fremdlandaj lingvoj kaj prezidis la unuan Esperanto-Seminarion de Altlernejoj en la provinco.

Kion ni faros en proksima estonteco? Ni, la estraranoj de LEA, daŭre vizitos plimultajn altlernejojn en la provinco por vastigi la nunan frukton. Laŭ la arda deziro de la studentoj ni aktive kolektas materialojn en- kaj ekster-landajn por kompili novan libron pri gramatiko de Esperanto konvena al lerno kaj instruo de Esperanto.

Ni enkondukos la elstarajn eksterlandajn E-instruistojn kaj la ekzamenan sistemon de UEA/ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) por baki kvalifikitajn esperantistojn, pere de tio ni povas krei radikajn kondiĉojn por la Esperanto-aplika jaro de LEA okazonta en 2008 aŭ 2009 (nedecidita). Ni kontaktos tiun organizaĵon por realigi la volon de kelkaj instruistoj aliĝi al ILEI.

Nia laboro ne estas kompleta, sed ni vaste aŭskultos proponojn el diversaj flankoj, ĉar ni klare scias, ke unu bona propono probable povus animi la tuton de iu flanko je nia laboro.

Wu Guojiang, vicprezidanto de LEA amikeco999{@}21cn.com

## Nova Bulteneto Aperis

Aperis en Ĉinio nova bulteneto <Tra La Mondo> eldonita de tri esperantistoj, s-ro Weishan, s-ro Yanghaichun kaj s-ro Wanshubin. Nuntempe jam malfacilas trovi paperajn bultenojn en Ĉinio, sed nia movado ankoraŭ bezonas tian paperan bultenon. Ili esperas, ke al ili skribos fremdlandaj esperantistoj. Bonvolu sendi informojn al la bulteneto <Tra La Mondo>.

Weishan weishan123{@}hotmail.com <haicjo{@}tom.com>

**Japanio**

## La seminarion regis granda fervoreco!

Jen la raporto pri la 40a Esperanto-Seminario/la 39a Friska Lernejo. Japana Esperanto-Instituto (JEI) kaj Kasaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG) kune okazigis landskalan Esperanto-seminarion de la 3a ĝis la 5a de majo en la urbo Kobe. Ĝin partoprenis 82 homoj de la tuta lando, kaj ĉiuj partoprenantoj vere ĝuis ne nur la seminarion mem sed ankaŭ tre bonan naturmedion.
La partoprenantoj laŭ sia plaĉo kaj bezono ricevis la jenajn 5 kursojn; Komencanta kurso kun 8 kursanoj gvidita de s-ro OKI Keimei, Elementa kun 12 gvidita de s-ro MA Young-tae kaj Meza kun 13 gvidita de s-ro TANI Hiroyuki. Ĉifoje, ĉar proksimiĝas la UK en Jokohamo, la organizantoj aparte aranĝis du kursojn rilatajn al la UK; unu por la ĉiĉeronado gvidata de s-ino TAHIRA Masako kun 13 kursanoj kaj la alia por UK-helpantoj gvidata de s-ro KAWANISI Teturo kun 22 kursanoj. Ili ĉiuj kun granda entuziasmo lernis kaj trejniĝis dum la seminario.
Krom la supraj kursoj okazis ekzamenoj de JEI, diskuto pri Azia Agado, kurso de dancado, Gaja Vespero kaj aliaj. En la danckurso oni bone ekzercis sin kun la deziro bone danci en la balo de la UK. Kelkaj partoprenantoj surmetis pormemoran T-ĉemizon de Jokohama UK kaj tio ankaŭ plivigligis la etoson de la seminario.

ISIKAWA Tieko (estro de Stud-eduka Fako de JEI)

**D-ro YAMAZOE Saburoo Forpasis**

D-ro Yamazoe Saburoo, honora membro de UEA, aŭtoro de "Angla-Esperanta Medicina Terminaro" kaj "Esperanta-Angla Medicina Terminaro", forpasis la 15an de januaro 2007 en la aĝo de 98 jaroj. Lia morto estas granda perdo por ni, sed lia kontribuo estos neniam forgesita en nia koro. (Hori Yasuo)

**Barato**

## Esperanto-kurso por geskoltoj

Okazis Esperanto-kurso por geskoltoj en St. Thomas School, Whitefield, Bangaloro, suda Hindio, de la 21a de januaro ĝis la 2a de februaro 2007, la dek-taga kurso. Organizis s-ro Venkatesh Reddy, la skolt-estro kaj esperantisto, al tre entuziasmaj geskoltoj, kiuj jam sciis pri Esperanto dank' al ges-roj Steele sed ne havis ŝancon lerni la karan lingvon.

Ĉeestis pli ol 52 geskoltoj en unu klaso, kiun s-ro Venkatesh Reddy mem gvidis kaj okazis paralele alia klaso (ne de la geskoltoj), kiun s-ro Dennis Keefe el Francio gvidis al 51 gelernantoj de la sama lernejo.

La kurso estis tute nova; la geskoltoj ludis, ŝercis, desegnis kaj lernis Esperanton. Ili partoprenis en konversacia ekzercado kaj kelkfoje lernis sendepende. Kiam la lernantoj (skoltoj) estas konstruintaj siajn frazojn, mem legis, aŭdigis al aliaj, ripetis por plifirmigi aŭ korekti siajn frazojn. Ili povis haltigi, refari ekzercojn aŭ por aŭskulti siajn proprajn diritaĵojn. La geskoltoj paroladis senĉese kaj sciis multe pri Esperanto.

Fine de la kurso ili povis paroli kelkajn vortojn kaj frazojn kaj kompreni multon. Ili trafoliumis la libron "Ĵamborea Lingvo". Kiel kutime en la lasta tago estis festo, kie la geskoltoj havis atestilojn, kiujn "Espero Venki" presis kaj disdonis. La geskoltoj estis tre feliĉaj kaj ili promesis disvastigi Esperanton inter si kaj helpi aliajn geskoltojn ekstudi Esperanton.

Espero Venki, la nacia reprezentanto el Barato esperovr{@}yahoo.co.in La ŝtatdomo en Bangaloro

Koreio kaj Japanio

## Agrabla vetero, varmega Esperanto

La 17-a Internacia Kurskunveno de Esperanto kaj Printempa Kurso de Namkang-Esperanto-Lernejo samtempe okazis de la 24-a ĝis la 25-de marto 2007 en la urbeto Chongdo, Koreio, kun 92 esperantistoj el 5 landoj (Koreio: 69, Japanio: 20, Aŭstralio 1, Hispanio 1, Kongo-lando 1), organizite de Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK, Koreio) kaj Esperanto-Populariga Asocio (EPA, Japanio).

Namkang-Esperanto-lernejo estis malfermita en la jaro 1998 por havi regulajn kurskunvenojn de Esperanto, iniciatite de d-ro PARK Hwa-chong, vicprezidanto de Korea Esperanto-Asocio. Ĝi havas kurskunvenon dufoje, somere kaj aŭtune ĉiujare. La konstruaĵo de la lernejo estas ne moderna sed malnova korea lernejo-formo, pro kio oni povas ĝui unikan etoson kaj flaras freŝan aeron de la kamparo.

Dume, la Internacia Kurskunveno de Esperanto komenciĝis de la jaro 1991 laŭ la iniciato de s-ro LEE Jung-kee el Koreio kaj s-ro AGOU Takaŝi el Japanio, tiama ĝenerala sekretario de EPA. La unua kurskunveno okazis en la urbo Kitakjuuŝuu, Japanio, al kiu koreaj esperantistoj karavane partoprenis. La renkontiĝo daŭre okazis en Japanio ĝis la 8-a kurskunveno, sed por plivigligi ĝin ambaŭlande, de la jaro 1999 la evento okazas alterne inter Koreio kaj Japanio.

Post la malferma ceremonio, d-ro LEE Chong-yeong, eksprezidanto de UEA, memorprelegis kun la temo "Deklaracio de Korea Sendependiĝo kaj Esperanto-etoso". En la prelego li akcentis, ke la esenco de la Deklaracio kaj la ideo de Esperanto estas samcelaj kun la komunaj vortoj "egaleco, amo, kunvivado, frateco, justeco, humaneco kaj libereco".

En la unua kaj la dua tagoj, oni havis kurskunvenojn sub la gvido de 9 gvidantoj (s-roj KONG Gil-yun, PARK Yong-seong, LEE Jung-kee, CHANG Jeong-yeol, MA Young-tae, PARK Hwa-jong, AGOU Takaŝi, TANAKA Masamiĉi, kaj Sandor Horvath) Krome, s-ro Rubeno Fernandez Asensio el Hispanio (Katalunio) kaj s-ro Johano Bolemo el Kongo-lando internaciigis la renkontiĝon. En la Interkona Vespero oni ĝuis belajn kantojn, muzikludojn kaj bongustajn krudfiŝaĵojn.

En la ferma ceremonio, simbole la standardo de Esperanto estis transdonita de SEK al EPA. S-ro Agou anoncis la eventon 'Bonvenon al Oomoto en 2007', kiun EPA okazigos de la 12-a ĝis la 14-a de aŭgusto 2007 en Ajabe, Japanio, post la Jokohama UK .

La 18-a Internacia Kurskunveno okazos en marto venontjare en Kitakjuuŝuu, Japanio.

LEE Jung-kee [Ŝlosilo] esperanto{@}saluton.net Seula Esperanto-Kulturcentro : www.esperanto.co.kr

**Irano**

## Naskiĝis Blindula Grupo

Antaŭ 6 jaroj en Irano oni lanĉis Esperanto-kursojn por blinduloj. Dank' al la gesamideanoj, kiuj fervore instruas nian lingvon, jam estas grupo de blinduloj, kiuj viglas kaj deziras kontakti kun aliaj gesamideanoj. Ili bezonas materialojn por pliprofundigi siajn lingvokapablojn. Bonvenas brajlaĵoj kaj sonmaterialoj al la adreso de Irana Esperanto-Asocio:

No:33, K: Alizade, Kh: Khagani, Darvaze Dowlat, IR- 1571914351 Tehran, Irano irea.oficejo{@}gmail.com

Vendrede je la 11-a de majo 8 blinduloj de urbo Karaj (Karaĝ) kun siaj geinstruistoj Elham Khanian kaj Ahmad Modaber, vizitis la asocion. Jen foto pri tiu okazo.

http://irea.oficejo.googlepages.com/iranajbindajgeesperantistoj.JPG Reza Torabi

**Pakistano**

## Decidoj de Pakistana E-Asocio

Unua Estrara kunsido de Jaro-2007 de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) okazis la 29-an de aprilo 2007 en Esperanto-Internacia Akademio (EIA) en Lahore. Samideanoj de Lahore, Multan, Gujranwala, Kasur, Luki Marwat, Isah Khel, Rawalpindi, Khaniwal kaj aliaj partoprenis en la kunsidon.

En la kunsido de estraro de PakEsA oni decidis kaj diskutis jenajn aferoj;

1. La 30-a Somera Kunveno de PakEsA kaj la dua trimonata estrara kunsido okazos la 15-an de julio 2007 en Murree.

2. Por la sukcesa okazigo de la Somera Kunveno oni organizos lokan komitaton, kaj PakEsA-anoj vizitos Murree por pliaktivigi la lokajn esperantistojn de Murree.

3. Tri-taga Esperanto-Laborejo okazos en Murree antaŭ la Somera Kunveno (la 12-14an de julio 2007), en kiu aktivuloj de aliaj organizaĵoj laborantaj en Monda Socia Forumo estos invitataj. Ili instruos Esperanton, partoprenos en la Somera Kunveno kaj ricevos la atestilojn de PakEsA.

4. PakEsA fondos diversajn komitatojn/grupojn pri rajtoj de infanoj, virinoj kaj aliaj.

5. PakEsA serĉos oficejon en Murree por re-fondi informan centron de PakEsA.

Shabbir Ahmad Sial, Prezidanto de PakEsA pakesa_prezidanto{@}yahoo.com

**Semajno de Internacia Amikeco en Multano**

La 20-an de februaro okazis speciala kunsido en Multanao por informi lokajn samideanojn pri la semajno de Internacia Amikeco en la lasta semajno de februaro. Pli ol 15 personoj partoprenis. Jawaid Eahsan saluton123{@}esperantoLand.org

**Taĝikio**

## Naskiĝtago de Zamenhof

La 17-an de decembro anoj de la Asocio de esperantistoj de Taĝikio kolektiĝis por festi naskiĝtagon de Zamenhof. Nian kunvenon ĉeestis nia gasto el la fora Japanio s-ro Kimio Yamaguchi. Nia prezidanto s-ro Shukurov Firdaus rakontis pri la vivo de Zamenhof. Ni aŭskultis registritan paroladon de Majstro dum kongresoj. S-ino Konovalenko T. kaj s-ro Saidilhomzoda S. deklamis kaj klarigis al la ĉeestantoj la enhavon de la poemo de Zamenhof "Preĝo sub la verda standardo". Poste ni ĉiuj kantis la himnon "La espero". Manĝado kaj teumado, kantado kaj dancado daŭrigis la feston en bonega etoso.

Fajzulaev D. <f2357{@}mail.ru> Nabotov S. 060600{@}mail.ru

**Nepalo**

## la 7a Internacia Himalaja Renkontiĝo

La 7a Internacia Himalaja Renkontiĝo okazis de la 26a de februaro ĝis la 10a de marto en Nepalo. Ĝi konsistis el du partoj; la unua estis turismo en Katmando-valo kaj la alia estis piedvojaĝo en Lantang-valo. Partoprenis en ĝi 13 japanoj, tri germanoj kaj unu aŭstraliano krom multaj nepalanoj.

La 8a Himalaja Renkontiĝo okazos en februaro-marto en 2009.

Post la renkontiĝo s-ro Hori Yasuo (Japanio) kaj s-ino Franciska Toubale (Aŭstralio) vizitis la urbon Itahari kaj instruis Esperanton. S-ro Hori revenis post ne longe al Katmando sed Franciska restis longe en Itahari por plu instrui.

## Instrui en Itahari

Franciska Toubale (Aŭstralio)

Itahari estas la tria granda urbo en la orienta parto de Nepalo, 500 km for de Katmanduo.

Dum mia unua vojaĝo al Nepalo, mi renkontis kelkajn esperantistojn de Orient-Nepala Esperanto-Societo (ONES). Mi jam konsciis, ke ili devas veni al Katmando por praktiki la lingvon, ĉar nur malmultaj el ili kapablas konversacii en Esperanto. Tamen por tio ili devas veturi 500 km al Katmando per buso. Do kun la helpo de Santosh Karki, juna sperta esperantisto, mi decidis iri al Itahari kaj resti tie dum dek tagoj.

La 11an de marto mi flugis al Itahari kune kun s-ro Hori Yasuo, la prezidanto de KAEM, kiu forte subtenas ONES.

Antaŭ la komenco de la kursoj, estis organizitaj kunvenoj en diversaj lokoj por allogi lernontojn al Esperanto: - en la korto de iu domo, kien la loĝantoj kaj infanoj venis frumatene, - en iu lernejo, kie esperantisto instruas, -en la urbodomo, kie gravuloj de la urbo venis por montri sian subtenon.

Poste mi kaj nepalaj esperantistoj daŭrigis la diskonigon de Esperanto en apudaj urboj kiel Tahrara kaj Dahran. Pro tio, ke la angla lingvo estas uzata ekde la baza lernejo kiel studobjekto, kelkaj ne komprenis la utilecon de Esperanto. Sed kutime grupo de ĉirkaŭ kvin volontuloj deziris tuj lerni. En Rudra tiuj gejunuloj sekvis pliajn kursojn por garantii al si sukceson kaj disponigis ĉambron por la instruado de Esperanto. En la komenco la rekta metodo iom konfuzis kaj timigis ilin, sed rapide la bonhumoro kaj la entuziasmo venkis.

Iu sepdekjarulo deziris esperantistiĝi, do mi renkontis lin ĉiun tagon post la tagmanĝo kaj instruis lin en iu angulo de la oficejo de Rudra, malgraŭ la konstanta eniro kaj eliro de la studentoj, kiuj scivoleme iom sidis por aŭskulti. Finfine kvar gejunuloj aldoniĝis.

Mi esperas, ke eĉ post mia foriro, malgraŭ la foresto de la plej spertaj kiel Cholnat, Shree aŭ Santosh, malgraŭ ilia izoleco, la esperantistoj en Itahari daŭrigos la lernadon de la lingvo kun la sama entuziasmo kaj diligenteco. Mi certas, ke mi lasis tie multajn geamikojn.

**Uzbekio**

## Kontribuoj atendataj por Samarkando

En aŭgusto 2007 la urbo Samarkando oficiale kaj solene festos sian 2750-jariĝon subaŭspicie de UNESKO. Por celebri la gloran jubileon de la mondfama urbo, la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro kaj loka E-klubo okazigos Jubilean Internacian Ekspozicion "Samarkando en Ĉiuj Kontinentoj", kolektinte diversspecajn kaj ĉiulingvajn materialojn (gratulleterojn, vojaĝrakontojn, gazetartikolojn, librojn, broŝurojn, poemojn, kantojn, citaĵojn, fotojn, desegnaĵojn, dokumentojn ktp.) pri Samarkando kaj samarkandanoj. ĈIO ajn pri la temo, inkluzive fotojn

kaj/aŭ informojn pri la hoteloj, restoracioj, vendejoj, stratoj, komunumoj, firmaoj, varoj, librotitoloj, artaĵoj ktp. portantaj la nomon "Samarkando" aŭ simile (eĉ viaj propraj eltrovaĵoj en Interreto!) estos TRE bonvenaj.

La projekto estas realigata kunlabore kun la Samarkanda Ŝtata Muzeo. La plej interesajn materialojn ni publikigos en nialanda gazetaro. Ĉiuj ricevitaj kontribuaĵoj estos agnoskitaj kaj eksponataj en la internacia ekspozicio en Samarkanda Ŝtata Muzeo pri Historio de Kulturo kaj Artoj de Uzbekio. Estas ankaŭ planate eldoni specialan jubilean libron.

Bonvolu adresi viajn kontribuojn laŭeble baldaŭ al: Anatoli Ionesov imps86{@}yahoo.com Direktoro de la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro

P.O. Box 76, UZ - 140100 Samarkand Respubliko Uzbekio

## Sub la vasta ĉielo

(Por memori la tertremon de Jogjakarto)

Versita de YOHANES MANHITU

Hodiaŭ, tie kaj tie, sub la vasta ĉielo,

ni havas nur tiujn plastikajn domojn

kaj ni sentas la vermegon de la tago.

La nokto kolorigas niajn ruinojn.

Antaŭ la hejmo mi ekvidas doloron.

La beleco estas evidenta memoro.

Kie ni trovus la veran feliĉon?

En la profundeco de la koro!

Ĝi estis alia leciono kiu venis

en la monato de mia naskotago

por ke ni lernu kiel ĝi nin vizitis

kaj ni vivu je la nomo de la Kreinto.

*Jogjakarto, Indonezio, 9/VI/2006*

Legu liajn poemojn en: http://www.manhitu-poetry.cjb.

## Kanditadiĝu al la 6a Azia Kongreso

La 6a Azia Kongreso okazos en 2010. Kie ni okazigu la kongreson ni decidos dum la 5a Azia Kongreso en Bangaloro. Ni atendas viajn kandidatiĝojn kiel la invitontoj de la kongreso. Sendu vian peton ĝis la fino de tiu ĉi jaro al KAEM.

Ni okazigas la kongreson ĉiun duan jaron, do la 7a AK okazos en 2012, la 8a en 2014.

## KAEM-kunsido kaj Azia Agado

Dum la UK en Jokohamo ni havos du kunsidojn rilate al Azio: KAEM-kunsido kaj Azia Agado. En la unua kunsido nur KAEM-anoj kaj landaj reprezentantoj rajtas ĉeesti. Tie ili diskutos pri la agadplanoj de KAEM. En la dua ĉiuj interesitoj rajtas ĉeesti. Ĉiuj azianoj venu al tiu kunsido kaj parolu pri nia estonteco. La datoj de tiuj kunsidoj ankoraŭ ne estas fiksitaj. Vi povos scii tion en la kongresa kibro.

## Nova TTT-ejo de KAEM

Nun oni povas legi diversajn partojn de la TTT-ejo de KAEM, ekzemple oni nun povas legi: la lastan numeron de “Esperanto en Azio”: http://www.kaem.org/html/shownews.php?id=6

La jarraporton 2006 de KAEM: http://www.kaem.org/html/shownews.php?id=41

Dumtempe mi iom redaktis ankaŭ KAEM-paĝon en Vikipedio: En Vikipedio pri KAEM: http://eo.wikipedia.org/wiki/KAEM

Reza Torabi - prizorganto de la TTT-ejo -

## Azia Terminaro en Esperanto

Mi atentigas vin pri la ekzisto en la reto de Azia Terminaro en Esperanto:http://www.bonalingvo.it/index.php/Azia_terminaro

Se en via lando estas apartaĵoj, kiujn vi deziras nomi en Esperanto per nova vorto aŭ per tradicia Esperanto-vorto, vi bonvolu aliĝi al la listo <azia-kulturo-en-esperanto{@}googlegroups.com>, kaj tie fari viajn proponojn, aŭ vi bonvolu kontakti min rekte.

Aparte mi petas la loĝantojn en landoj, kiuj lastatempe ŝanĝis siajn urbonomojn (mi pensas pri Barato) informi pri la nova kaj la malnova nomo en Esperanto kaj en la nacia lingvo.

Renato Corsetti renato.corsetti{@}gmail.com

## Novaj Membroj de UEA

Wang Ruixiang kaj Hazama Hirotomi (respondeculoj pri Projekto C)

Sube estas nomoj de novaj membroj de UEA subvenciitaj de "Fondaĵo Azio de UEA".

Totale (151): Ĉinio (52), Filipinoj (3), Indonezio (1), Kamboĝo (1), Kazaĥio (2), Mongolio (2), Pakistano (12), Srilanko (1), Nepalo (3), Srilanko (1), Turkio (1), Taĝikio (4), Vjetnamio (68) **Ĉinio (15)**

1. s-ino Hu Shanrong: Yanjiang-Da dao 209 Hao 8-6, Jiangan-Qu, Wuhan, CN-430010

2. s-ro Wan Ren Ping: Nanchang, P.B. 0634014-10, Jiangxi, CN-330006

3. s-ro Wan Xinrong: 246 hao Lijibei, Lu Hankou, Hubei Sheng, dizhi shiyan yanjiu suo, Wuhan Hubei, CN-430022

4. s-ino Bu Mingli: Dandoung Disi, zhongxue 69, Tianhougongjie, Dandong, CN-118000

5. s-ino Gao Youming: Jiangsu-sheng, Nanjing-shi, Huagiao Lu 81 Hao 2-301, CN-210029

6. s-ro Lin Leming: 2986-8-304 Hongmei Lu, Shanghai, CN-201103

7. s-ro Shen Chengru: 935-203 Bao Fu Si, CN-100086 Beijing

8. s-ro Huang Ming zhong: Jiang an Qu, Gang wan Gong yu D2-202, CN-430015, Wuhan, Hubei

9. s-ro Cao Donghai: Bei gu 14 dong, 1 men, 2 hao , Hua zhong Shifan Daxue, Wuhan, CN-430079, Hubei

10. s-ro Wang Shuyu: 60/69 Shan-Yinlu, Shanhai, CN-200085

11. s-ro Dai Zhongli: Emerituaj Oficejo de Shanghaia Inĝenierado-Kompanio en Ĉina Petrolkemia Bloko, 1910 Nanjing xilu, Shanghai, CN-200040

12. s-ro Jian Weijian: Tong fu zhong Lu, Shi ba mu heng 4 hao, Guangzhou, CN-510240

13. s-ro Liang Naikeng: Da guan jie 143-301, Foshan shi, CN-528000

14. s-ino Huang Min: Qilihequ Jianlanlu 120 Hao, Lanzhoushi, Shangye Xuexiang, CN-730050, Gansusheng lanzhoushi

15. s-ro Zheng Bocheng: Haidian Qu, Huayuan Beilu, Tayuan, Yingchunyuan, 4 haolou, 4 men, 403 shi, Beijing, CN-100083

16. Dai Zhongli: Emeritula oficejo de Shanghai-a Inĝenierado-kompanio en Ĉina petrolkemia Bloko (Kliko) n-ro 1910 de Nanjing xilu, 200040,

Shanghai

17. Li Weilun: Beijing Language and Culture University 15, Xueyuan Road, Haidian District, Beijing, 100083 No.2, Unio 1, Domego 19

18. s-ino Huang Min: Qilihequ Jianlanlu 120 Hao, Lanzhoushi, Shangye Xuexiao CN-730050 Gansusheng Lanzhoushi

19. Sun Dachen: 75# Jinchanglu, Shinongban, Lanzhou, 730030

20. s-inoj Xiong Zhouxuan kaj Xiong Hanfen: Jie-fang-da-dao-2020-hao, Dan-shui-chi, 661-ku, 8-ting-8281-hao, Wuhan, CN-430012

21. Zhao Yifeng: Rm 401 No 28 Lane 339 Xianan Road Pudong Shanghai

22. s-ino Wang Lin: Gulougu, Siweitou 52 hao, 1 tong 3-205 shi, 210009 Nanjing, Jiangsu

23. s-ro Huang Tingsheng: Hong Qing Li 21-602, Jiaotong Lu, Taijiangqu, Fuzhou, Fujian

24. s-ino Peng Yanli: Anyang shachang 74 hao lou 3 danyuan 6 hao, 455000 Anyang, Henan

25. f-ino Liu Yanchun: Wenhua xi Lu 23 hao, Zaozhung, Shandong, 277102

26. Zhao Yi: No.10, Chaoyangmen, Nandajie, Beijing, 100020

27. s-ro Han Zuwu: Jin Wan Hua Yuan 28-4-201, Cheng Lin Lu, Hedong Qu, Tianjin 300161

28. s-ro Ma Fengchen: Zhigong Liaoyangyuan Dandong 118003

29. Ji Yingeng: Rm 401 No 78 Lane 879 Hualing Road (E) Pudong 200123 Shanghai

30. s-ro Yao Kaishen: 1-102, yueda dongyuan, Renminlu, Yancheng, 224001

31. Wen Gang: Beijing Donglu 938 Hao Sheng Jijie shigong Gongsi Nanchang, Jiangxi 330029

32. s-ino Jiang Xiaofeng: Tiandong Strato 69/3-402 Shanghai 200235

33. Zhang Miaojuan: No.106, Lane 262, Chengdu Bei Road, Shanghai 200003

34. s-ino Huang Guozhen: P.O. Box 63001, CN-430063, Wuhan
35. Weidong WANG: 229 Yingae Dajie, Shanxi, China, Merkato Informado Ĵurnalejo, SHICHAN XINXI BAOXHE, CN-030001
36. s-ro Gu Ying Lin: Shanghai Caoyang Shi, (4) Cun, 124 hao, 1013 Shi, CN-200062
37. s-ro DAI Jingqi: n-ro 1458 de gu mei vojo, 2-911 min hang distrikto, CN-201102
38. s-ro Dai Zhongli: n-ro 358 de West road, 7-501, Xuhuai Distrikto,Shanhai, CN-200031
39. s-ro Qin Kaiji: Filatela Societo de Pekina Esperanto-Asocio, Chegongzhuang Xilu 35-hao, 5-6-641 CN-100044, Beijin
40. Xu Deji: CN-2000233, Shanhajo, 40-302 Tian Lin 13 Cun 41. s-ro ZHAO Qing: #8 Liumashan Beixiang, Gulin Shuili Ju, Guilin City, Guangxi, CN-541001
42. s-ro Liang Nai Keng: Daguanjie 143-301, Foshan CN-528000 43. s-ro Dong Shulin: P.O.Box 931, CN-277101, Zao Zhuang, Shandong
44. s-ro Zhuang Qixiong: 402/14 Jiao Fu Ying, Fuzimiao, Nanjing, Jiangsu, CN-210001
45. s-ro Weishan: Chao nei da jie 203 hao gao lou 2 ?2# Beijing, CN-100010
46. s-ino Li Juying: Xi-gu-qu, xi-gu-zhong-jie, 56-309-hao, Lanzhou, CN-730060 47. s-ro Li Liang: P.O. Bos 111-8, Shenyang, CN-110145
48. s-ro Lu Wanyi: Xinguxiang 388-7#, Xigugu, Lanzhou, CN-730060
49. s-ro Cui Zhong Ping: Bei Cui, Cheng Guan, Feng Qiu, 3-Chu Zhon, He Nan, CN-453300
50. Gu Xiarong: Lai Yang Lu 880/SP-401, CN-200129, Shanhai
51. Zhuang Jiam ping: Xuronglu 258 long 3 hao 205 315040 Ningbo Zhejiang

52. Jin Mingxia: Xinbeigu Dachengyua 13-1-501 Changzhou Jiangsu 213022

**Filipinoj (3)**
1. s-ino Venus Cruz: 5-1 Bradford st. Fairville Homes, Barangay North Fairview, Quezon City

2. s-ino Ruchell Remolacio: p/a WomenLEAD 59 Mahabagin St. Teachers Village, Quezon City
3. s-ino Lydia Liwanag: Prezidanto de Filipina Esperanto-Asocio, Taft Avenue corner Ayata Blvd, Manila, PO Box 2955

**Indonezio (1)**
1. s-ro Hazairin R. Junep: Centro de Esperanto-Studoj, Pesangrahan #2, PAKEM, Yogyakarta 55582

**Kamboĝo (1)**
1. s-ro M CHHIM Sokha: Private Language School PO Box 174, Phnom Penh

**Kazaĥio (2)**
1. s-ro Viktor Kurilov: Buhar-Jirau, 60/2-2, urbo Karaganda,1000000
2. s-ino Matvejeva Vera: 459120, av. Komsomolskij, 40-168, Rudnij

**Mongolio (2)**
1. s-ro Ŝ. Jansanĝav: p/k 21/797 Ulaanbaatar
2. s-ro Enkhee Chimedtseren: Mongola Esperanto-Societo MN-210349, Post office 49, Box 412, Ulaanbaatar

**Pakistano (12)**
1. s-ro Muhammad Punhal Kaheri: c/o Ayaaz Hussain Chandio Medical Store P.O. Lalu Raunk, Taluka Warah District Kammbar Shahdadkot, Larkana, Sind
2. s-ro Abid Ali Qureshi: Kashana Al-Quresh, Street No.2, Meo Colony, Masoom Shah Road, Multan
3. s-ro Muhammad Akram Rongha: Zam Zam Unani Dava Khana, Circular Road, O/S Haram Gate, PK-60000, Multan
4. s-ro Ashfaq Ahmad Bhutta: H.No.2447, Street No.11, Ali Ahmad, Water Works Road, PK-60000, Multan
5. s-ro Jamil Ahmad Parvaz: Makan No.655, Muhallah Peer Qazi Jalal, Androon Pak Darvaza,PK-60000, Multan
6. s-ro Muhammad Naseh Ajmal KHAN: T & T,14-Al Farooq Plaza,S-Block, Gulshan Market, New Multan, PK-60650,Multan
7. s-ro Sohail Kamran: 1112-C,Mumtazabaad, PK-60600, Multan 8. Ghulam Akbar: Muhallah Muhammad Abad, Near Chowk Farooq Pura, Old Shujabad Road, Multan
9. Abid Hussain: Chack No.365,W.B. Dunya Pur, District Lodhran

10. Tanvir BABER: 321-Kamran Block, Iqbal Town, PK-54570 Lahore
11. Asad Shah: H.No.2,Iqra Lane, Kaghan Colony, P.O. Mandian, Abbottabad
12. Ata Muhammad: H.No.161/7H,Nisar Street, Pak Gate, PK-60000, Multan

**Nepalo (3)**
1. s-ro Mukunda Pathik: Campus of International Language, Tribhuvan University, Exhibition Road, Kathmandu
2. s-ro Bharat Ghimire: GPO Box 8974, CPC 102, Kathmandu
3. f-ino Archana Joshi: GPO Box 8974, CPC 102, Kathmandu

**Srilanko (1)**
1. s-ro U. Zeiter Perera,: 197 Indivitiya Road, Hettigama, Ja-Ela

**Turkio (1)**
1. s-ino Sevdiye Katircioglu: PL 635, 16374 Ulucami-Bursa

**Taĝikio (4)**

1. s-ro Fajzullaev Ĝamŝid: Lo?ejo 20, Domo 37, Strato Fedina, Duŝanbe
2. Bodieva Ulfatmo Ŝodievna: Str. Mayakovskij, 46/3-43 734043 Duŝanbe
3. Ĝumaev Gulomĝon: Str.O. Ekubov, 34 distrikto Isfisor, 735690 u. Gafurov Sogda vilojato
4. Adamĉuk Lyudmila Vasilevna: Str.Fedin, 33/1-102, Duŝanbe

**Vjetnamio (67)**

1. s-ino Luong Ngoc Bao: 55/175 Ngo Thinh Quang, Tay Son, Dong Da,Hanoi

2. s-ro Bui Dinh Bang: 40, Doung Bac Dau, Thanh Pho Da Nang

3. s-ro Thieu Quang Dieu: 51/133, Tan Ap, Phucxa, Badinh, Nanoi

4. s-ino Nguyen Thi Ngoc Lan: 20 Lo Su, Hanoi

5. s-ino Nguyen Phuong Mai: So’g, Ngo 23/17 Nguyen Cao, Hai Ba Trung, Hanoi

6. s-ro Nguyen Van Phach: 50 nguyen van to, Hoan Kiem, Hanoi

7. s-ro Hong Hac Nguyen Van Thinh: №52, ngo 553, Duong Giai Phong, ph. Giap Bat, Disto, Hoang Mai, Hanoi

8. s-ro Nguyen Xuan Thu: 70, B20A, Kim Lien, Dong Da, Hanoi

9. s-ro Dang Tran Thiet: 114, D6 Tru ng Tu

10. s-ro Ngyuen Minh Toan: 16/47 Dang Van Ngu, Trung Tu, Hanoi

11. s-ino Le thi Cao Truong: 38/1/16 Huynh Thuc Khang, Costas nova de 41 MGO Lang Trung

12. s-ro Nguyen Vinh: №129M, Nguyen Trai, Thanh Xuan, Hanoi

13. s-ro Phan hong Vuong: 90 Dang Tien Dong, dong Da, Hanoi

14. s-ino Le Huynh Anh: 26/3 C Ap Binh Thang, Xa Binh An, Huyen Di An, Binh Duong

15. f-ino Dao Mai Anh: 292/16 No Trang Long, Q. Binh Thanh, TP. Ho Chi Minh

16. s-ino Le Thi Phuong Lan: 42/42 Nguyen Hue Strato, I Distrikto, Ho Chi Minh

17. s-ino Nguyen Thi Xuan Mai: 83/22 C De T ham, P.Co Giang Q. 1 T/P, Ho Chi Minh

18. s-ino Dang Ngoc Nhan: 462/44(462/8III) Nguyen Tri Phuong, P.9-Q10, TP.Ho Chi Minh

19. s-ino Do Thi Vuong: Phong 110, B4 um dan cu co khi, 129 Nguyen Trai, Thanh Xuan, Hanoi

20. s-ro Dinh Van Chat: So Nha 19 Ngach 80/14, Nhan Hoa Nhan Chinh, Thanh Xuan, Hanoi

21. s-ino Hoang Thi Chinh: 4, Q13, Thunong Dinh Hanoi

22. s-ro Nguyen Van Ha: Cong Ty 810, Hoang Liet, Thanh tri, Hanoi

23. s-ro Nguyen trong Bau: №5, NGO 30, pho, Hong Mai, Quan Hai ba Tring, Hanoi

24. s-ino Nguyen Hong Nguyen: 53 Hai Ba Trung, Hoan Kiem, Hanoi

25. s-ro Pham Van Chinh: 138A, Dong Cac, Dong Da, Hanoi

26. Sran guan Dam: Si 3, Ngo 53, ngach 1, Duong Nguyen Argoe Vu, Phuong Srung Hoa, Guan Cau giag, Hanoi

27. s-ro Nguyen Van Thanh: P.103, Tap the Vien Mac Le, Strato Ngoc Khanh, dist. Ba Dinh, Hanoi

28. s-ro Duong Dinh Loi: 70 Hang Dieu, Hanoi

29. s-ro Nguyen Anh Thu: 24, Via dong, Hanoi

30. s-ro Nguyen Thi Hien: Gac 4 Chung Cu, So 01 Nguyen Van To, Hon Kiem, Hanoi

31. s-ro Mai The Sy: 36 Ngo 6, Ngach 6/31, Dang Van Ngo Strato, Hanoi

32. s-ro Nguyen Van Phach: 50 Nguyen Van To, Hoan Kiem, Hanoi

33. Nguyen Huy Thinh: 9 Nguyen Quang Bich, Hanoi

34. f-ino Do Thu Ha: № 12, Ngo 46A, Pham, Ngol. Thach Kim Lien, Hanoi

35. s-ino Hoang Thi Ngoc Tu: 9 Nguyen Quang Bich, Hanoi

36. f-ino Duong Thuy Linh: 9 Nguyen Quang Bich, Hanoi

37. f-ino Nguyen Thi Minh Nguyet: 882 Khu pho 7, p. Binh Tei Dong A, Binha Tan, Ho Chi Minh

38. s-ino Nguyen Lan Anh: 167 Kycon Strato, distrikto I, Ho Chi Minh

39. s-ro Nguyen Huu Duy: 90 Nguyen Thai Hoc Strato, 1-a distrikto, Ho Chi Minh

40. s-ro Nguyen Phuoc Hung: 16/50 Le Trong Tan P. Tay Thanh, Q. Tan Phu, Ho Chi Minh

41. s-ro Ho Khue: 119 Dien Bien Phu, Phuong Dakao, Quan 1, Ho Chi Minh

42. s-ro Tran Quoc Thao: E3 Trai Ga, Duong, Dai Dong, Buon Ma Thuot, Dac Lac

43. f-ino Nguyen Ngoc Hoa: Khu tap the nha may Lien Ninh, Thanh Tri, Hanoi

44. s-ro Ngo Hong Nam: № 7/15, Ngo 61, Dinh Cong, Hoang Mai, Hanoi

45. f-ino Nguyen Thi Quyas Nhu: P1 ngach, 1/2 ngo 1, Dins Cong, Quan Hoang Mai, Ha Noi

46. f-ino Nguyen Thi Minh Nguyet: 31 To 12, Ngo 135/73, Doi Can, Ba Dinh, Hanoi

47. s-ino Dang Thi Thu Nga: 51 ngo 766, Delathanh, Ba Minh, Hanoi

48. f-ino Nguyen Hoai thanh: no. 12/5/41, tran Duy Hung, Cau Giay, Hanoi

49. s-ro Hoang Khanh Long: Cong Ty Sony Viet Nam, Tang 16 Thap B, Toa Nha Wincom, Hanoi

50. f-ino Cu Hoai Thanh: 51/204, ph. Dong Tam Q., Hai Ba Trung, Hanoi

51. f-ino Doan Minh Ngoc: Trai Le, Du Hang Kenh, Le Chan, Hai Phong

52. f-ino Nguyen Thi Tra Ly: 99 Cho Hang, Le Chan, Hai phong

53. f-ino Doan Thanh Hai: 101 Cho Hang, Le Chan, Hai Phong

54. f-ino Nguyen Hoang Yen: 8/28/762, Bach Dang, Hai Ba, Trung, Hanoi

55. f-ino Trinh Dinh Long: 117 Lo Duc, Hai Ba, Trung, Hanoi

56. f-ino Tran Hang Nga: P 410, B 10-22, Lang ha-Dong Da, Hanoi

57. f-ino Cung Thi Hong Mai: So 12, to 25, Phuong Dai Kim, Hoang Mai, Hanoi

58. s-ino Lai Thi Hai Ly: 104 T.T Vien Kiem sat, Ngoc Khanh, Giang Vo, Ba Dinh, Hanoi

59. f-ino Tran Phuong Thao: Phong 1018, №3, Khu Do Thi Moi, Phap Van, Hoang Liet, Hanoi

60. f-ino Dang Tuyet Mhung: 16/14 A, Trung Yen, Cau Giay, Hanoi

61. f-ino Nguyen Thi Minh Trang: 104A, B 11Trai Gang, Thanh Nha, Hai Ba Trung, Hanoi

62. s-ro Nguyen thi Mai Lan: So Nha 14, Ngaiha 122/10 Pho Tuy, Hai Ba Tuing, Hanoi

63. s-ro Nguyen Manh Linh: P811 A6, Giang Vo, Ba Dinh, Hanoi

64. f-ino Nguyen Muyen trang: So 14, 191/63 Khuong thuong, dong Da, Hanoi

65. f-ino Nguyen Thu Quynh: p516, B6, Thanh Xuan Bac, Hanoi

66. f-ino Trinh Hong Hanh: P404, E1 Tap The Nha May, Thuoc La Thang Long, Thuong Dihh, TX-HN

67. f-ino Duong Hoan: Thon Duong Danh, Xa Duong Xa Huyen Gia Lam, Hanoi

68. s-ino Nguyen Quynh Hoa: 21 ngo I, Dong Xa, Moi dich, Cau Giay, Hanoi

## Projektoj de KAEM

Projekto A: Azia Kongreso
A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp., per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

Projekto B: Kunlaboro

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.

B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.

B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, majo kaj septembro ĉiun jaron kaj sendi ĝin al laŭeble plej multaj homoj en la tuta Azio.

B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu

homo jare estu jenaj:
Japanoj: 20 eŭroj, Koreoj: 10 eŭroj,
Ĉinoj: 5 eŭroj, Aliaj azianoj: 2 eŭroj

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.

B-6: Subteni projekton de UEA "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter aziaj urboj kaj Esperanto-kluboj.

Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI
C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos ĝian organon "Juna Amiko".

*"Juna Amiko" eldoniĝas 4-foje jare. Tarifo estu 3 eŭroj laŭ tiu ĉi aranĝo (kompare kun plena tarifo de 12 eŭroj).

C-4: Doni subvencion al la partoprenontoj de UK aŭ

ILEI-Konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

Projekto Ĉ: Edukado
Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj
Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj

Projekto D: Esperanto-libroj
D-1: Eldoni necesajn librojn
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. kaj pagi sendkoston por tio
D-4: Aĉeti lernolibrojn, vortarojn ktp. al kluboj, asocioj ks.

**Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj**

1. Japanio: s-ro HORI Yasuo (prezidanto) <hori-zonto{@}water.sannet.ne.jp>
Ĝenerala afero, Azia Kongreso, kontakto kun UEA, regularo, Jarlibro de KAEM, "Esperanto en Azio" (redaktado)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto) <tqngoc{@}hcm.vnn.vn>
Projektoj Ĉ kaj D (Edukado kaj libroj)
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang <wrxzj{@}tom.com>
Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA)
4. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (sekretario, kasisto) esperanto{@}saluton.net Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK
5. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa{@}hotmail.com>
6. Barato: d-ro Abdul SALAM <helpo{@}vsnl.com> Preparo por la 5a AK
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza{@}gmail.com> TTT-ejo de KAEM, eldono de "Gvidlibro de KAEM" (libro pri la Azia Esperanto-Movado eldonota en 2008)
8. Nepalo: Indu Devi Thapaliya <luno1962{@}gmail.com>

## Nomlisto de Subkomisionanoj de KAEM

Projekto C — s-ro HAZAMA Hirotomi

Esperanto en Azio — s-ino TAHIRA Masako (provlego)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Buĝeta kaj sekretaria aferoj — s-ino CHO Myung-ja
s-ino CHOI Eun-suk

**Estrarano de UEA pri Azia Esperanto-Movado**
S-ro YU Tao (Ĉinio) <yu-tao{@}china.com>

--------------------------------------------------------------------------------

**Esperanto en Azio (N-ro 56)**
Eldonanto: KAEM (Komisiono de UEA pri Azia
Esperanto-Movado)
Adreso de KAEM:

p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto{@}jei.or.jp>

TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>

<http://www.jei.or.jp/kaem/kaem_kap.htm>
Redaktoro: HORI Yasuo
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27
retpoŝto: <hori-zonto{@}water.sannet.ne.jp>

---